WIKIPEDIA

# Motlava lingvo

La **motlava lingvo** (propra nomo *M̄otlap* [ŋ͡mʷɔt ˈlap], nomata en eŭropaj lingvoj *Mwotlap* kaj antaŭe *Motlav*) estas lingvo parolata en norda Vanuatuo. Ĝin parolas proksimume 2 100 homoj, kiuj plejparte loĝas en la insulo Mota Lava[1]. Malgraŭ tiu relative malgranda parolantaro, tiu lingvo ne estas en danĝero; ĝi eĉ estas la plej parolata lingvo en la provinco Torba.

Kiel ĉiuj vanuatuaj lingvoj, la motlava apartenas al la oceania lingvaro, branĉo de la granda aŭstronezia lingvaro. Pli precize, ĝi estas parto de la nord-centra-vanuatua lingvaro, grupo inkluzivanta plimulton de la lingvoj de tiu lando.

La motlava havas plurajn ecojn tipajn de oceaniaj lingvoj:

- ĝia pronoma sistemo distingas kvar nombrojn (ununombro, dunombro, trinombro kaj multenombro);
- posedo estas malsimpla, ĉar substantivoj povas esti posedendaj aŭ neposedendaj, kaj en ĉi tiu kazo, oni devas indiki la specon de posedo;
- la parolantoj apenaŭ uzas la konceptojn de dekstro kaj maldekstroj; anstataŭe ili uzas pozician sistemon laŭ la geografio de la insulo (teren, maren).

**Motlava lingvo**

***M̄otlap***

| | |
|---|---|
| **Parolata en** | Vanuatuo |
| **Regiono** | Mota Lava |
| **Parolantoj** | 2 100[1] |
| **Skribo** | Latina |
| **Lingvistika klasifiko** | |
| Aŭstronezia | |
| Malajo-polinezia | |
| Oceania | |
| Centra kaj orienta | |
| Centra kaj norda vanuatua | |
| **Motlava** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **Lingvaj kodoj** | |
| **ISO 639-2** | map[2] |
| **ISO 639-3** | mlv |
| **Glottolog** | motl1237 |
| **Angla nomo** | Mwotlap language |
| **Franca nomo** | mwotlap |

## Enhavo

# Skribo

La motlava lingvo ne havas propran alfabeton, pro tio ĝiaj parolantoj kaj lingvistoj skribas ĝin per la latina alfabeto kun supersignoj[3].

| Litero | a | b | d | e | ē | g | h | i | k | l | m | m̄ |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Elparolo | [a] | [ᵐb] | [ⁿd] | [ɛ] | [ɪ] | [ɣ] | [h] | [i] | [k] | [l] | [m] | [ŋ͡mʷ] |
| Litero | n | n̄ | o | ō | p | q | s | t | u | v | w | y |
| Elparolo | [n] | [ŋ] | [ɔ] | [ʊ] | [p] | [k͡pʷ] | [s] | [t] | [u] | [β] | [w] | [j] |

# Elparolo

La motlava lingvo ne havas tonojn kaj la akcento ĉiam trafas la lastan silabon de vorto[4].

## Konsonantoj

La motlava havas 16 konsonantajn fonemojn, plus kelkaj alofonojn kaj kelkaj sonoj, kiuj ekzistas nur en kelkaj pruntvortoj.

Motlavaj konsonantoj[5]

| | Lipo-velaj | Dulipaj | Alveolaj | Velaj | Glota |
|---|---|---|---|---|---|
| **Senvoĉaj plozivoj** | /k͡pʷ/ *q* | | /t/ *t* | /k/ *k* | |
| **Antaŭnazigitaj voĉaj plozivoj** | | /ᵐb/ *b* | /ⁿd/ *d* | | |
| **Frotaj** | | /β/ *v, p* | /s/ *s* | /ɣ/ *g* | /h/ *h* |
| **Nazaj** | /ŋ͡mʷ/ *m̄* | /m/ *m* | /n/ *n* | /ŋ/ *n̄* | |
| **Flanka** | | | /l/ *l* | | |
| **Duonvokaloj** | /w/ *w* | | /j/ *y* | | |

La fonemo /β/ havas tri alofonojn:

- komence de silabo, [v] aŭ [β] laŭplaĉe,
- fine de silabo, [p][6].

Tiam radiko kiel *vlag* (“kuri”) povas iĝi ***v**alag* (“ili kuras”) aŭ *me-**p**lag* (“li kuris”). Tiu fenomeno ankaŭ klarigas, kial la lingvo estas konata sub la nomoj *Motla**v*** kaj *Mwotla**p***. Tamen [p] kelkfoje okazas komence de silabo en novaj pruntvortoj, kiel *ne-pepa* (“papero”, de la angla *paper*).

Simila fenomeno okazas kun la antaŭnazigitaj konsonantoj: silabfine ili iĝas nur buŝaj. Tiam *bnē~* (“mano”) iĝas ***b**ēnē-k* (“de mia mano”) kaj *nē-**m**nē-k* (“mia mano”)[7].

Ekzistas ankaŭ malofta sono [r], kiu troviĝas nur en novaj pruntvortoj kiel *rin̄* (“telefoni”, de la angla *ring*)[8].

## Vokaloj

La motlava havas sep buŝajn vokalojn. Ekzistas nek nazaj vokaloj, nek longaj, nek diftongoj (du sinsekvaj vokaloj apartenas al du apartaj silaboj)[9].

| Motlavaj vokaloj | | | |
|---|---|---|---|
| | **Antaŭaj** | **Centra** | **Malantaŭaj** |
| **Fermitaj** | /i/ *i* | | /u/ *u* |
| **Duonfermitaj** | /ɪ/ *ē* | | /ʊ/ *ō* |
| **Duonmalfermitaj** | /ɛ/ *e* | | /ɔ/ *o* |
| **Malfermita** | | /a/ *a* | |

# Gramatiko

## Personaj pronomoj

La personaj pronomoj distingas kvar nombrojn (ununombro, dunombro, trinombro kaj multenombro), sed ne ekzistas genro: *kē* signifas *li*, *ŝi* aŭ *ĝi*. Ekzistas ankaŭ distingo inter inkluziva kaj ekskluziva "ni"[10].

| Persono | | Ununombro | Dunombro | Trinombro | Multenombro |
|---|---|---|---|---|---|
| **1-a** | **ekskluziva** | no, nok | kamyō | kamtēl | kem, kemem |
| | **inkluziva** | — | dō, dōyō | ēntēl, dētēl | gēn |
| **2-a** | | nēk | kōmyō | kēmtēl | kimi |
| **3-a** | | kē | kōyō | kēytēl | kēy |

Tiam ekzemple *dō* signifas "vi kaj mi", *kamtēl* "mi kaj du homoj (sed ne vi)", *kimi* "vi (kvar aŭ pli)", ktp.

Deklinacioj ne ekzistas, la pronomoj povas esti uzataj kiel subjekto aŭ objekto kaj ankaŭ post prepozicio. Kiam eblas du formoj, oni povas libere elekti, krom por la unua ununombra persono (en kelkaj kuntekstoj, *no* aŭ *nok* estas deviga); *dō* kaj *kem* povas esti nur subjektoj.

# Notoj kaj referencoj

1. ↑ 1,0 1,1 Alexandre François. Lingvoj de norda Vanuatuo (http://alex.francois.free.fr/AF-field.htm#Vanuatu) (angle). Alirita la 2-an de decembro 2012.
2. ↑ Ĝenerala kodo por aŭstroneziaj lingvoj.
3. ↑ François 2001, paĝoj 77–78
4. ↑ François 2001, paĝo 81
5. ↑ François 2001, paĝo 51
6. ↑ François 2001, paĝoj 65–66
7. ↑ François 2001, paĝoj 71–72
8. ↑ François 2001, paĝo 63
9. ↑ François 2001, paĝoj 75–76
10. ↑ François 2001, paĝoj 371–373

# Bibliografio


- (2001-12-19) *Contraintes de structures et liberté dans l'organisation du discours : Une description du mwotlap, langue océanienne du Vanuatu (http://alex.francois.free.fr/data/AlexFrancois_These_DescriptionMwotlap.pdf)* (PDF) (france), p. 3 volumoj, 1 078 j.
- (2011) *Diksoneri bavap to M̄otlap mi navap ta Franis tiwag mi Iñglis (Motlava-franca-angla vortaro) (http://alex.francois.free.fr/data/AlexFrancois_Draft-dictionary_Mwotlap-Fr-Eng_2011.pdf)* (PDF), p. 408 j.
- François, Alexandre (decembro 2003). "Of men, hills and winds: Space directionals in Mwotlap (http://alex.francois.free.fr/data/AlexFrancois_SpaceDirectionalsMwotlap_OL2003.pdf)", *Oceanic Linguistics* (la angla) **42** (2), p. 407–237.

